# BELGA ESPERANTISTO

DUMONATA REVUO
41a JARO — MARTO 1949

OFICIALA ORGANO DE REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

*Asocio sen profita celo, tute sendependa de partiaj agadoj.*
*SOCIA SIDEJO : 19, avenuo Montjoie, Bruselo.*

DIREKTORO :
**Maur. JAUMOTTE**
44, De Bruynlaan, 44
WILRIJK

Pour tous renseignements au sujet de l'Esperanto : — Voor alle inlichtingen over Esperanto :
— **178, Peter Benoitlaan, Merelbeke (Gento)** —

## XXXa BELGA KONGRESO DE ESPERANTO

**Bruĝo, 4, 5, 6 de Junio 1949.**

sub devizo :

*« Unu Belga nacio — unu nacia Ligo — unu Belga Kongreso. »*

La malnova « Bruĝa Grupo Esperantista », fondita en 1902, akceptis la proponon de « Reĝa Belga Ligo Esperantista » pri organizo de tiu kongreso en la pentrinda ĉefurbo de Okcidenta Flandrio.

La Honoro Prezidantaro estis akceptata de :

Kavaliro Pierre van Outryve d'Ydewalle, Provincestro de Okcidenta Flandrio;
S-ro Victor Van Hoestenberghe, Urbestro de Bruĝo;
F-ino Yvonne Thooris, Honora Prezidantino de « Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo ».

La Loka Kongresa Komitato (L. K. K.) estas kunmetata jene :

Prezidanto : S-ro Ch. POUPEYE;
Vicprezidantoj : S-ro G. GROOTHAERT kaj S-ro Fl. VERPLANCKE;
Sekretario : S-ro D. DEMEULENAERE;
Helpa Sekretariino : S-ino Y. VAN PARYS;
Gazetara Sekretariino : Y. VRIELYNCK-HUBRECHT;
Kasistino : S-ino M. DE BAETS-HUYGHE;
Helpa Kasistino : S-ino S. VERBEKE-VANDEN BERGHE;
Komisariino pri loĝado : F-ino Maria VERBEKE, estrino de la hotelo « Cornet d'Or », 1, placo Simon Stevin;
Konsilantoj : F-ino A. BOEREBOOM kaj S-ro K. DECOSTER;
Helpantoj : ĉiuj aktivaj membroj de la Bruĝa Grupo.

Jen sekvas provizora programo, kiu plej verŝajne iĝos definitiva, la L. K. K. tamen rezervante al si la rajton fari tiajn ŝanĝojn, kiujn la cirkonstancoj al ĝi altrudus.

### PROVIZORA PROGRAMO

**Sabaton, la 4an de Junio :**

15a : Malfermo de la akceptejo en « Hôtel du Cornet d'Or », placo Simon Stevin.

Articles en français et en flamand, pp. 12 et 13.
Artikels in 't Vlaams en in 't Frans, blz. 13 en 12.

17a : Laborkunsidoj.

20a : Interkonatiĝa vespero en dancsalono de la kafejo « Tabarin », apud la teatro, Vlamingstraat; eniro laŭ la apuda strateto « Grauwwerkersstraat ».

Prezentado de la esperantista hipnotiganto, S-ro Verda Stelo. Eventuale : variajoj prezentataj de aliaj grupoj.

**Dimanĉon, la 5an de Junio :**

9a : Por la katolikoj : en la Baziliko de Sankta Sango, « Burg », Diservo kun prediko en Esperanto.

10a : Oficiala akcepto fare de la Urbestraro kun vizito de la historia urbdomo.

11a : Solena kunsido de la Kongreso, en belega Gotika Salonego de la Urbdomo.

12.30a : Fotografado.

12.45a : Demeto de floroj ĉe la Monumento al la Militmortintoj.

13a : En « Hôtel du Cornet d'Or », Festeno (Prezo, servado enkalkulita : 110 fr.).

16a : Motorboata ekskurso sur la pentrindaj Bruĝaj kanaletoj (Prezo : 15 fr.). Oni kunprenu fotografilojn. Dume : Sonorilarkoncerto kun esperantaj arioj.

20a ĝis 1a : En dancejo « Tabarin » Balo. Eble, variajoj dum la paŭzoj. (Urbaj vestajoj.)

**Lundon, la 6an de Junio :**

De la 9a ĝis la 12a : Gvidata vizito de la Bruĝaj muzeoj, artaj kaj historiaj vidindaĵoj.

Je tagmezo : Komuna tagmanĝo en restoracio « Café Belge », Zuidzandstraat. (Kosto sen servado : 65 fr.)

De la 14a ĝis la 17a : Daŭrigo de la gvidata vizito de la urbo (preĝejoj, k.t.p.).

Post la 17a : Disiĝo.

Kelkaj legantoj eble miros ke ne okazos lunda ekskurso ekster la urbo. La L. K. K. decidis tion post ĝisfunda ekzameno de la demando : ekskurso al la marbordo ne ŝajnas konsilinda, ĉar dum tia festa tago, la grandegaj popolamasoj kiuj svarmas en ĉiuj banlokoj, tute malagrabligas mallongan viziton tie, kaj komuna tagmanĝo estas nur ebla tre malfrue, post la 2a, post kiam la ordinaraj gastoj malplenigis la restoraciojn. Pli malproksima ekskurso (Walcheren, k.t.p.) ne estas farebla, ĉar la reveno ne povus okazi sufiĉe frue por certigi samtagan rehejmiĝon al malproksime loĝantaj kongresanoj. Aliflanke Bruĝo mem entenas tiom da artaj, historiaj kaj pentrindaj trezoroj, ke bone gvidata vizito certe lasos al la partoprenintoj plej ravan memoraĵon. Oni povas do estis certa ke la Bruĝaj samideanoj, larĝe profitante la belecon de sia urbo, donos al « sia » kongreso tiun specialan allogecon, kiu sukcesigis la antaŭajn Belgajn kongresojn en tiu urbo, en 1910, 1924 kaj 1935.

**Kongresa kotizo :** 40 fr. ĝis fino de aprilo; poste 50 fr. Ĝi povas de nun esti pagata kune kun antaŭmendo por festeno, boata ekskurso, lunda tagmanĝo kaj loĝado al Poŝtĉekkonto 3105.41 de « 33a Belga Kongreso de Esperanto, Brugge ». Oni nepre uzu la ĉi kunan aliĝilon aŭ kopiu ĝin samformate. Jam de nun enskribiĝis pli ol 50 samideanoj; ili ankaŭ estas petataj plenigi kaj resendi la aliĝilon.

La montrado de la kongreskarto estos deviga por partopreno al ĉiuj kongresaj okazontaĵoj.

Por la lunda vizito de la urbaj vidindaĵoj ne estas postulata speciala antaŭpago, ĉar ankoraŭ daŭras intertraktadoj pri enirprezoj de muzeoj k.t.p. Ĉiuokaze 50 % a rabato estas de nun certa. Eventualaj pagoj estos kolektataj de la gvidantoj dum la vizito mem, sed la tuta elspezo ne multe preterpasos 20 fr.

NE PROKRASTU, ALIĜU TUJ, VI TIEL FACILIGOS LA LABORON DE LA L. K. K.

**Adreso por la korespondaĵoj :** ĉe la prezidanto de la L. K. K., S-ro Ch. POUPEYE, Elf Julistraat, 32, Brugge.

## NI EVITU SKANDALON

La rilatoj internaciaj estas tre diversaj : industriaj, komercaj kaj sekve politikaj, sciencaj ĉiuspecaj, mensokulturaj ĉiuformaj, k.t.p. Tiu diverseco montras al ni **kiel devas direkti nian agadon por ke Esperanto estu ŝate konsiderata de la registaroj.**

Ĝis nun, malgraŭ la kuraĝigoj venintaj el gravaj sciencaj medioj, kaj malgraŭ deziresprimoj de komercaj societaroj de diversaj landoj, la esperantistoj malmulte sin okupis pri fakoj aliaj ol beletristiko aŭ ordinara literaturo. Esperantistoj, kiuj faras belajn priskribojn pri pejzaĝoj, montoj, arbaroj, lagoj, aventuroj... ne havas rimedon por montri detale komercajn aŭ laborejan vivon: por skribi ion pri sia propra profesio.

Sendube la majstraj tradukoj de famaj beletristrikaĵoj, faritaj de Zamenhof kaj de liaj ĉefaj disĉiploj, grave servis por pruvi **al Esperantistoj** ke la perfekta flekseblеco de Esperanto povas adaptiĝi al esprimo de plej delikataj nuancoj de l'penso. Sed, anstataŭ tiaj ĉefverkoj, jam de kelkaj jaroj, nur duonvaloraĵoj eliras la presejojn : ili estas pli facile vendeblaj. Ni ne konvinkos la registaron de nia landa pri la **utileco kaj la kapableco** de Esperanto, montrante novajn romanetojn, kies lingva korekteco kaj utileco estas malgrandaj.

Kiam la Belga Registaro ekinteresiĝos pri la uzo de Esperanto por oficialaj leteroj, raportoj, kontraktoj internaciaj, rilataj al komerco, industrio, financo, higieno, socio, juro, k.t.p., ĝi deziros provi la valoron de la helpa lingvo, kaj ĝi faros alvokon al la Esperantistoj por ke **kompetentuloj** vizitu kelkajn ministrejajn oficejojn, kaj **tie** traduku difinitajn gravajn dokumentojn.

Kia skandalo kaj kia fiasko estus se ne sufiĉe da Esperantistoj akceptus, aŭ se la personoj, kiuj estus akceptintaj, fuŝus la aferon pro nekompetenteco !

Kio do estas nepre farota ?

**Estas bone ke ĉiu esperantisto klera ektraduku aŭ ekredaktu en Esperanto tekstojn rilatajn al sia profesio. Temas tie ĉi pri profesioj ĉiuspecaj. Interne de nia Ligo** povus fondiĝi sekcioj rilataj al diversaj **kategorioj de profesioj.** Ilia celo estus alkutimiĝo en la uzo de specialaj fakaj terminoj. La propaganda centro de nia Ligo volonte ricevus respondojn kaj proponojn rilate al tiu nova laboro.

Tia agado tute ne malhelpus ke ni daŭre kantu « La Esperon ». Sed se ni volas trafi la celon, nia laboro devas pligraviĝi; la deziro pri tuthomara frateco estas nia; la frateco estos la konsekvenco de **pratika agado;** ni do ĉesu jungi la plugilon antaŭ la bovoj; ni obeu la antikvan konsilon : « Unue vivi; poste ami ».

P. S. — La Internacia Scienca Asocio Esperantista estas restarigita. C. V.

---

## REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA
Asocio sen profita celo.

### ĜENERALA LAŬLEĜA KUNSIDO

La anoj de R. B. L. E. estas petataj ĉeesti la jaran kunvenon, kiu okazos dimanĉon, la 24an de Aprilo 1949, je 15 horoj, en Brasserie Saint-Martin, 38, place du Grand Sablon, Grote Zavelplein, Bruselo.

Tagordo :

1. Raporto de la administrantaro;
2. Aprobo de la bilanco de l'jaro 1948;
3. Fiksado de la kotizo;
4. Budĝeto 1949;
5. Laŭstatutaj elektoj;
6. Diversaĵoj.

**Rimarko.** — La grupoj estas petataj proponi kandidatojn por la administrantaro. Grupanoj kiuj ne povas ĉeesti la ĝeneralan kunsidon, povas anstataŭiĝi sin de alia membro, donante al li skriban ateston.

La Propaganda Sekretario, C. VANDEVELDE.

La Prezidanto, P. KEMPENEERS.

## SAVOIR LES LANGUES

Il y a, dans la connaissance d'une langue étrangère, quatre degrés distincts : la comprendre à la lecture, la comprendre à l'ouïe, la parler **correctement**, l'écrire correctement. Si le résultat de l'enseignement reçu est de pouvoir lire sans difficulté, et avec fruit, des ouvrages sérieux, on peut dire que le résultat est excellent. Parmi cent jeunes qui, durant plusieurs années, ont suivi des cours d'une ou plusieurs langues étrangères, combien peuvent parler et écrire correctement l'une d'elles, quand il s'agit d'exprimer **des idées importantes** (pas des banalités de la route ou de l'hôtellerie)? Pour répondre à cette question, point n'est besoin de rechercher des statistiques; il suffit de faire quelques expériences, en commençant par soi-même. Pour bien comprendre une langue étrangère, il faut une longue étude et beaucoup de zèle; pour la bien employer il faut, en outre, un long entraînement.

Presque toujours la conversation entre deux personnes de pays différents, si l'on emploie la langue de l'une d'elles, met l'autre en état d'infériorité, non seulement au point de vue du prestige, mais aussi et surtout relativement au résultat de l'entretien. Si, heureusement, chaque interlocuteur a de la langue de l'autre une connaissance suffisante pour la **bien** comprendre, il vaut mieux que chacun parle **sa** langue; la conversation sera moins pénible, plus cordiale, et le résultat sera meilleur.

En Belgique, où le régionalisme linguistique a suscité bien des difficultés, on agirait sagement en se ralliant à ce bilinguisme mitigé.

Si en Europe et dans le monde entier il n'y avait que deux langues, le moyen dont il vient d'être question pourrait être général pour les relations internationales. Mais la diversité des langues le rend impraticable. On doit recourir à des interprètes et à des traducteurs; les conversations et les conférences sont alourdies, démesurément longues, et d'un faible rendement.

D'autre part, des gens de haute culture, qui ont consacré énormément de temps à l'étude des langues, doivent, quand ils veulent publier quelque chose à l'étranger, faire contrôler et corriger leur écrit par une compétence spéciale. Le mouvement des idées scientifiques et morales est difficile, lent, insuffisant. Les mentalités des peuples restent fermées les unes aux autres.

Il est donc nécessaire que l'on convienne d'employer, pour les relations internationales, une langue unique. Nous avons vu que ce ne peut être la langue nationale d'un peuple; ce ne peut être non plus un pseudo-anglais, réduit à un très petit nombre de mots, autour duquel on a fait quelque bruit. En effet, d'une part, il n'est pas possible qu'un Anglais, habitué à parler sa langue maternelle avec aisance et correction, s'astreigne à mutiler celle-ci pour parler à un étranger; il ne pourrait même pas faire la distinction entre les mots admis et les autres, la force de l'habitude l'en empêcherait. D'autre part, l'étranger se trouverait en grande infériorité à cause de la pauvreté de son vocabulaire et de la défectuosité de sa prononciation. Quant aux relations écrites, aux publications scientifiques et autres, une langue de 850 mots ne peut évidemment leur suffire.

Nous avons montré d'ailleurs qu'il existe une langue NATURELLE, issue des langues européennes par sélection dirigée des éléments constitutifs de celles-ci. Cette langue, c'est l'Esperanto, dont l'abondante littérature montre la valeur dans tous les domaines qui sont ceux des langues historiques.

C. VANDEVELDE.

---

## ESPERANTO EN LA PRAKTIKO

De « The Jewish Agency for Palestina », P. O. B. 92, Jerusalem, ni ricevis por publikigo en nia gazeto, artikolon en Esperanto pri « La orientaj Judoj ».

La nuntempe neplilarĝigebla kadro de nia gazeto ne permeses tion. Ni ĝin bedaŭras, sed ni volonte konstatas ke tiu oficiala instanco rekonas la valoron de nia lingvo kaj ĝin praktike uzas.

## VOOROORDELEN

De werken van geniale geesten hebben niet zelden minachting, wantrouwen, ja zelfs vijandschap ontmoet, en dit niet alleen vanwege onbevoegden, maar zelfs vanwege hoogbeschaafde personen van wie het oordeel geïnfluenceerd werd door een soort beroepsmisvorming. Het geval van Pasteur was, in dit opzicht, typisch. Nogal wonderlijk was ook het hevig verzet verschenen in « Le Temps » de 14 Februari 1887, en komend van uitstekende artisten : schrijvers, schilders, beeldhouwers, architecten, enz., tussen dewelke men de namen vindt van E. Meissonnier, Ch. Gounod, Victorien Sardou, A. Dumas, François Coppée, Charles Garnier, L. Bonnat, enz., enz.

Volgens hun mening zou « de nutteloze, afschuwelijke, buitengewoon belachelijke Eifeltoren, uit de inbeeldingen vol winstbeslag van een machienbouwer gesproten, Parijs onherstelbaar verfoeilijken en onteren; al haar monumenten verpletteren, gedurende twintig jaar haar verfoeilijke schaduw van hatelijke, geboute plaatijzeren toren over gans de stad uitbreiden als een inktvlek... ».

De uitvinder van Esperanto, L. L. Zamenhof, heeft, bijna vijftig jaar geleden, een boekje geschreven waarin al de mogelijke tegenwerpingen tegen de internationale hulptaal weerlegd zijn. Uit de Vlaamse vertaling door de heer W. De Schutter, putten wij het volgende :

Hartelijk zullen onze nakomelingen het uitschateren, als zij de naïve tegenwerpingen zullen horen, die vele van onze tijdgenoten gemaakt hebben tegen de gedachte van een internationale hulptaal, en in het bijzonder van een taal die samengesteld werd met elementen oordeelkundig uit de europese talen geput. Zoals wij nu met een medelijdend lachje denken aan dien onzer voorouders die, vóór enkele duizenden jaren, zich misschien verzette tegen de invoering van een alphabet door diepdenkers uitgevonden, uitroepende met de vaste zekerheid van een geleerde, maar volstrekt zonder bewijs, dat het middel tot het uitdrukken van onze gedachten een organische zaak is, een natuurlijke zaak geschapen door de Geschiedenis (het schrijven door hiëroglyphen), en die niet « in een werkkamer kan tot stand gebracht worden », — zo zullen onze nakomelingen diegenen onzer tijdgenoten bespotten die — slechs ten gevolge van de niets beduidende omstandigheid, dat de huidige talen blindelings uit zichzelf ontstonden — met autoriteit beweren dat een taal niet kan opgebouwd worden. « Tot nu toe gebeurde het niet, bijgevolg kan het niet zijn ?... »

« Hoe kan ik geloven », zal in de volgende eeuw een tienjarig leerling aan zijn onderwijzer zeggen, « dat er eens mensen bestonden die leefbaarheid van een opgebouwde taal afstreden, als voor hun neus zulke taal reeds bestond, reeds een rijke letterkunde had, en **in de practijk alle functies**, die men van een internationale hulptaal eisen mag, **reeds uitstekend vervulde.** Die heren hoefden, in plaats van altijd theoretischen onzin uit te kramen, slechts de ogen te openen en te zien. Is het mogelijk dat volwassen mensen steeds grootsprekerigen onzin vertelden over een zeker verschil van de stemorganen bij de volken, wanneer ieder kind bij iederen stap leden van een volksstam ontmoette, die zeer goed de taal van een ander volk spraken. »

En de onderwijzer zal antwoorden : « Het is werkelijk ongeloofbaar, en nochtans was het zo. »

---

## MODERNA BABELO

Dum la Konferenco pri la gazetara libereco en Ĝenevo, oni vane serĉis dum tri semajnoj iun ne troveblan delegiton. Dum la konferenco, en la urbo, neniu vidis lin. Fine oni malkrovis lin ĉe alia konferenco kiu okazis en apuda strato kaj kunigis la internaciajn teknikistojn pri radio. La delegito ĉeestis ĉiujn kunvenojn nesciite pri la konfuzo rilate al konferenco : li parolis neniun inter la lingvoj uzataj nek en la unua, nek en la alia konferenco.

El *Echo*, oktobro 1948 laŭ rilato de *Chantecler* en *Daily Herald* (London).

## BELGA KRONIKO

BRUSELA GRUPO. — Grava okazintaĵo estis la translokiĝo.

De la 3a de Januaro, ĝia ejo estas en « Kafejo Saint-Martin », place du Grand Sablon, 38, Grote Zavelplein, kie la gesamideanoj kunsidas regule ĉiulunde je la 20a. La programo antaŭvidita estas ĉiam plenigita — ofte tre interesa aŭ amuza; la parolata monata ĵurnalo havas specialan sukceson.

La ĝenerala kunsido okazis la 17an de Januaro 1949. Ĝi elektis la jenan komitaton por 1949 : Prezidanto : D-ro Kempeneers; Vicprezidanto : S-ro H. Castel; Sekretariino : F-ino S. Obozinski; Help-Sekretariino : S-ino E. Ernst; Kasistino : S-ino J. Plyson; Help-Kasistino : S-ino Sengel; Bibliotekistino : F-ino M. Kestens; Konsilanto : S-ro J. Verdier.

La komitato faros sian eblon por vivigi la movadon, kaj por starigi imponan grupon en Bruselo.

*Programoj de la venontaj kunsidoj.* — Ejo : Brasserie Saint-Martin, place du Grand Sablon, 38, Grote Zavelplaats, Bruselo.

Marto : la 7an, Parolata ĵurnalo; la 14an, S-ro Castel, « Volapük kaj Esperanto », Legado de artikolaro de D-ro Zamenhof; la 21an, S-ino Ernst, « Ĉiu Esperantisto devus scii tion »; la 28an, S-ro Jirousek : « Pri Kaktoj ».

Aprilo : la 4an, Parolata ĵurnalo; la 11an, S-ino Staes-Vandevoorde, « Tria akto de Kaatje »; la 18an, Paskaj Festoj, ne okazos kunveno; la 25an, S-ro Van der Stempel, « Pri arto de pensado ».

Majo : la 2an, Parolata ĵurnalo; la 9an, S-ro Sengel organizos tribunalon; la 16an, F-ino Obozinski, « Henri Dunant, fondinto de la Ruĝa Kruco »; la 23an, S-ro Everaerts, « Garry Davis »; la 30an, S-ino Sengel.

Junio : la 5an, Pentekostaj festoj, nacia kongreso. Ĉiuj al Bruĝo !...

BRUĜA GRUPO ESPERANTISTA. — La 11an de januaro okazis la ĝenerala jarkunsido de tiu grupo. Inter la multnombraj ĉeestantoj oni rimarkis S-inon Albertine Golachowska-Kiere, konoran helpsekretariinon de la grupo, kiu post 18-jara foresto en Polujo, reaperis por la unua fojo en grupa kunveno. Inter la oficialaj raportoj, ni notu tiun de S-ro Demeulenaere, sekretario, pri la grupa vivo en 1948 kaj el kiu ni ĉerpas la jenajn punktojn : organizo de du kursoj por komencantoj, ambaŭ kun tro malmultaj sed ĝenerale tre bonaj gelernantoj; 52 ordinaraj kunvenoj kaj 5 komitataj; 7 dimanĉaj promenadoj kaj 2 dimanĉaj festetoj.

La komitato de 1948 konsistanta el : prezidanto, S-ro Poupeye; vicprezidantino, S-ino De Baets-Huyghe; sekretario, S-ro Demeulenaere; kasisto, S-ro Decoster; konsilantoj, S-ro Verplancke kaj F-ino Boereboom, estis reelektata kun aldono de S-ro G. Groothaert, kiel vicprezidanto.

La 1an de februaro okazis en plej gaja atmosfero vespermanĝo kun menuo : mituloj kaj fritataj terpomoj. Ĝi estis plie agrabligata per mallonga sed tre poezia paroladeto pri la signifo de « Sweetheart », farita de F-ino M. L. Missiaen, eksternantino de la lasta kurso.

*Programo.* — Laŭ decido de la ĝenerala jarkunveno, la ĉiusemajnaj kunvenoj okazos kiel antaŭe ĉiumarde, je la 8a en « Cornet d'Or » kaj estos tute dediĉata al la organizo de la Kongreso.

---

## ANONCETOJ

— Geanoj de la Hamburga Klubo, p/a F-ino Lina HAAS, Belle Alliance str., 60/III (24a), Hamburg 19, Brita Zono, Germanujo, deziras korespondantojn.

— Ludek VEJMAN, Brno XII, Tyrŝova, 18, Ĉeĥoslovakujo, deziras interŝanĝi poŝtmarkojn el sia lando kontraŭ belgaj.

— S-ro Bryan RANWELL (19jara fraŭlo), 5, Buckingham Close, Enfield, Middlesex, Anglujo, deziras korespondi kun Belgulo.

— Joe MOTLIĈEK, Drahotuŝe, 57, Ĉeĥoslovakujo, deziras korespondi kaj interŝanĝi poŝtmarkojn. Respondas al ĉiuj.

— Vincente RODRIGO, 15, San Vicente, Castellon, Hispanujo, deziras korespondi kun belga esperantistino.

— Marie HEGROVA, Sevastopolska 702, Nejdek, Ĉeĥoslovakujo, ŝatus korespondi kun Belgoj.

## TRA LA GAZETARO

I. *Nacilingvaj gazetoj.* — Pro la diligenteco de nia ĉiam vigla pionirino S-ino Elworthy, « Le Matin » (Antwerpen) daŭrigis sian « Chronique Esperantiste ». « Les Nouvelles du Condroz » (Ciney) duan fojon represis nacilingvan redaktajon ĉerpitan el « Belga Esperantiso ». Ni dankas pri tio nian samideanon Petitjean.

Estas tre dezirinde ke, en aliaj lokoj, samideanoj sekvu la ekzemplon de la du citilaj pioniroj : Estas ja necesege malaperigi la antaŭjuĝojn kiujn renkontas Esperanto en la publiko.

La ĉiusemajna « Moustique » daŭrigas la anoncon de la radiodissendoj esperantaj; ĝi ankaŭ de tempo al tempo aludas Esperanton en artikuletoj.

II. *Esperantaj gazetoj.* — Preskaŭ ĉiuj ricevitaj esperantaj gazetoj enhavas kiel « Belga Esperantisto », nacilingvajn tekstojn por propagandi al neesperantanoj *pere de esperantistoj.* Kurioza por ni estas, je tiu vidpunkto, la « Revuo Orienta » kies nacilingva propaganda parto estas skribita per la japanaj ideografiaj signoj. Nova revuo, eldonata el Vieno, estas « Monda Tribuno » dediĉata al kulturo, literaturo, scienco, tekniko; neniel al « organizo ». Pro manko da loko, ni devas rezignacie nur citi la nomojn de samideanaj gazetoj, kiuj enhavas interesajn literaturaĵojn : « Antaŭen » (Florianopolis, Brazilo); « Aŭstria Esperantisto »; « Belga Bulteno de T. J. O. »; « Bulteno de Argentina Espernato-Ligo »; « De Esperantist » (Esperanto bij het onderwijs); « Esperantista » (Ĉekoslovakio); « Flandra Esperantisto »; « Franca Esperantisto »; « Esperanto Bladet » (Norvegujo); « Esperanta Finnlando »; « Esperanta Slovaka »; « Heroldo de Esperanto »; « Hungara Esperantisto »; « Informilo de Hamburga Esperanto-Societo »; « Laborista Esperantisto » (Amsterdam); « Nederlanda Esperantisto » (L.E.E.N.); « La Internacia Ligilo » (Francujo); « La Ponto » (Germana Esperanto Asocio, München); « Montara Bulteno » (Brazilo); « Svenska Esperanto-Tidningen » (Svedujo); « Ukrajna Esperantisto » (Baireuth).

*Apollon*, monda revuo por kulturismo (francllingva), en sia numero de januaro 1949, publikigos artikolon « Le Culturisme et l'Esperanto », kun tre aktualaj argumentoj favoraj al nia lingvo. Adreso : 1, rue Saint-Georges, Paris (IX$^{me}$).

*Rio Esperantista* (Rio de Janeiro, Brazilo) publikigas mallongan raporton pri la Belga Kongreso en Charleroi.

— LA INTERLIGO, centra organo de fakinformoj en esperanto, enhavas en sia kajero de Decembro 1947, paroladon de D-ro Ivan Pietor, ministro de Transportoj en Ĉekoslovakujo, pri praktika uzo de esperanto; la Ĉekoslovakaj ŝtataj fervojoj proponis al la Hungaraj fervojoj la uzadon de esperanto en skriba serva rilato. La vico da instrukcioj kaj kontraktoj inter la du landoj estas jam tradukitaj en esperanto.

— La internacia revuo ESPERANTO, kajero Aprila, enhavas alvokon de D-ro Karl Dworschalk, General-Poŝt-Direktoro de Aŭstrujo, al Poŝt-Administracioj alilandaj por interesigi ilin al esperanto.

— LE MATIN (Anvers), 6 Septembro 1948, enhavas belan raporton pri la internacia kongreso de Malmö, redaktita de Sinjorino Elworthy-Posenaer.

— El ESPERANTO FINLANDA. — Kvakeroj partoprenis en la rekonstruo de Norda Finlando; en intervjuo ĉe la Finlanda radioeldonejo, ilia estrino diris angle : « We found in Lapland much good spirit ». Kaj la interpretisto ĉe la mikrofono tradukis jene : « Ni trovis en Lapland multe da bona alkoholo ».

## BIBLIOGRAFIO

BRAZILO. — Brazila Geografia kaj Statistika Instituto eldonis en 1947 gravan grandformatan libron 268paĝan titolitan « Statistika resumo pri Brazilo 1946 ».

Laŭ la propono farita al la Instituto pri Statistiko de la Xa Brazila Kongreso de Esperanto en aprilo 1945, la Nacia Konsilantaro de Statistiko akceptis « ke la neŭtrala idiomo estu konsiderata helpa lingvo de la brazila statistiko ».

Oni do aldonis al la antaŭe uzataj portugala kaj angla lingvoj ĉiujn klarigojn en esperanto.

Dank'al tiu iniciato la geesperantistoj povos ekscii pri multaj interesaj detaloj rilate al la vivo en tiu lando ĝis nun sufiĉe malmulte konata de multaj personoj.

Ni gratulas la organizintoj de la Xa Brazila Kongreso de Esperanto pri la rezulto akirita.

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

ASOCIO SEN PROFITA CELO

*Prezidanto :* D-ro P. KEMPENEERS, 19, avenuo Montjoie, Bruselo.
*Vic-Prezidantoj :* F-ino A. JENNEN, 72, rue d'Albanie, Bruselo.
S-ro M. JAUMOTTE, 44, avenuo De Bruyn, Wilrijk-Antverpeno.
*Ĝenerala Sekretario :* S-ro Inĝ. C. VANDEVELDE, 178, Peter Benoitlaan, Merelbeke.
*Protokola Sekretario :* S-ro Adv. A. JUSTE, Fleurus.
*Kasisto :* S-ro A. TASSIN, 1, rue Saint-Joseph, La Louvière.
*Helpa Kasistino :* S-ino J. PLYSON, 185, rue Jourdan, Bruselo.

## KOMBINATAJ KOTIZOJ

## Reĝa Belga Ligo Esperantista kaj Universala Esperanto Asocio

**(IEL kaj UEA kunigitaj)**

I. *Simpla membreco* (enhavas membrecon al la loka Grupo — se ekzistas — al la Ligo kaj al la internacia organizaĵo; rajtigas ricevi la Bultenon de la Ligo, kaj la internacian kuponaron por servoj) ... ... ... ... ... ... fr. 75
*Familia membro* (same, escepte la Bultenon) ... ... ... ... ... 35

II. *Membreco kun individua aliĝo* al la Internacia organizaĵo :
a) *Membro kun Jarlibro :*
kiel Simpla membro; ricevas krome la Jarlibron kaj ĝian aldonon ... ... ... 120
b) *Membro Abonanto :*
kiel membro kun Jarlibro; ricevas krome la monatan internacian gazeton : « Esperanto »... ... ... ... ... 185
c) *Membro Subtenanto :*
kiel membro-abonanto pagas pli altan kotizon por helpi la movadon ... ... 300

III. *Bonfaranta Membro* memvole aldonas 25 fr. al sia kotizo, speciale por helpi al R. B. L. E.

Pagu al via loka grupo; se ne ekzistas, al poŝtĉekkonto 1337.67 de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

Imp. LIELENS, S. P. R. L., 18, rue de la Princesse, Bruxelles. — Téléphone 21.10.98